# La Bulteneto

Numero 33 ❀ Jaro 2019

DULINGVA MAGAZINO ELDONATA EN VIENO



## GÜNZBURG und der Maria Theresien-Taler
## GÜNZBURG kaj Maria Theresia-Talero








# La Bulteneto

Numero 33 • Jaro 2019
Redaktejo - eldonejo - presejo:
Rudolfinergasse 8/11, 1190 Vieno, Aŭstrio, Eŭropa Unio.
esperanto@chello.at.

Papero: Mondi Color Copy 120 g $m^{-2}$.
Unverkäufliche, private Ausgabe – Nevendebla, privata eldono

Skriboj: Calibri (teksto) kaj Times New Roman (klarigo de la bildoj).

La paperan version ricevas donace
Aŭstria Nacia Biblioteko, Vieno, Aŭstrio; aliaj bibliotekoj post peto.



Auf der ersten Seite ❁ Sur la unua paĝo

Maria Theresien-Taler, Wiener Nachprägung
nach dem Original as Günzburg
Viena repregaĵo de Maria Theresia-Talero
laŭ la originalo el Günzburg
Hauptplatz von Günzburg mit dem Unteren Tor
Ĉefplaco de Günzburg kun la Suba Pordego
Fotoj: Walter Klag 2018 kaj 2019
se ne estas alia indiko.



# Günzburg kaj Maria Theresia-Talero

La plej fama arĝenta monero estas Maria Theresien-Taler (MTT), kiu havas sian nomon de la germana imperiestrino Maria Theresia [terézia]. Ŝi regis de 1740 ĝis 1780. Por kompreni, kial Talero estas grava monero, ni retroiras en la 15an jarcenton.

En Tirolo - hodiaŭ aŭstria federacia lando - ekde 1446 regis la ĉefduko Siegmund der Münzreiche [Sigmundo riĉa je moneroj]. Siegmund signifas protektanto (Mund) de la venko (Sieg).

1484 li translokigis sian pregejon de Meran (Merano, nun Suda Tirolo, Italio) al Hall [hal], dek kilometrojn oriente de la tirola ĉefurbo Innsbruck [insbruk] pro du kialoj: Unue la turkoj minacis la sudan parton de Tirolo. Due proksime de Hall, en Schwaz [ŝvac], dudek kilometrojn nordoriente de Hall, troviĝis grava arĝento-minejo. Hodiaŭ tiu iama minejo estas nur vidindaĵo por turistoj.

En la 15a jarcento oni pagis malgrandajn sumojn per arĝentaj moneroj, grandajn sumojn per oraj moneroj. Oro estis tiam preskaŭ nehavebla en Tirolo, kaj pagado de grandaj sumoj per miloj da etaj arĝentaj moneroj estis malkomforta. Tial Sigmundo inventis grandan arĝentan moneron, kiun oni nomis Großer Groschen (Granda Groŝo) aŭ Großer Pfennig (Granda Pfenigo), poste Talero (vidu sube). Alia nomo estis „Guldiner“[1], ĉar tiu arĝenta monero anstataŭigis orajn monerojn. Ĝi konsistas el 30 gramoj da pura arĝento kaj 2 gramoj da ne-noblaj metaloj.




Guldiner 1484, maso 31 g, diametro 40 mm.
Fonto: Vikipedio

[1] guldin (malnovgermana vorto) = ora

Sankt Joachimsthal [sankt jóaĥim-valo] estas urbo en norda Bohemio, nun Jáchimov [jáĥimo] en Ĉeĥio. Tie oni pregis similajn monerojn ekde 1519 ĝis 1528. Oni nomis ilin Joachimsthaler aŭ mallonge Taler. La nomo de la usona Dolaro venas de tiu Taler.




Joachimsthaler 1525, maso 29 g, diametro 40 mm.
Fonto: Vikipedio

## Monera konvencio

La 21an de septembro 1753 Maria Theresia kaj la princo de Bavario konvencie renovigis la monsistemon. El unu „Kölner Mark” (234 gramoj da pura arĝento) oni pregis 10 Talerojn. El unu „Wiener Mark“ (281 gramoj da pura arĝento) oni pregis 12 Talerojn.

En la tiama aŭstri-hungaria monarkio estis multaj pregejoj, unu ekde 1764 ĝis 1805 en Günzburg [gincburg], urbo 125 km okcidente de München (Munkeno). Günzburg estas nun en Bavario, Germanio, se tiam ĝi estis habsburga posedaĵo en „Vorlande“ ([fórlánde], antaŭaj landoj). Günzburg situas ĉe Danubo. De la 1a ĝis la 5a jarcento la romianoj tie havis kastelon, kiu ricevis la nomon de la rivera diino Guntia. Tiu nomo verŝajne estis transprenita de la keltoj.

Ankaŭ en Günzburg oni pregis Maria Theresia-Talerojn.
Unu flanko montras en perloj-rando la imperiestrinon profile dekstren. Sur la moneroj de la jaroj 1764 kaj 1765 oni vidas ŝian buklan hararon, 1765 ĝis 1780 ŝi portas vidvinan vualon, ĉar 1765 mortis ŝia edzo. La ĉirkaŭskribo estas:
M. THERESIA. D. G. R. IMP. HU. BO. REG.
Tio estas mallongigo por latine:

Maria Theresia Dei Gratia Romanorum Imperatrix, Hungariae Bohemiaeque Regina.
Germane: Maria Theresia, von Gottes Gnaden Kaiserin der Römer, Königin von Ungarn und Böhmen.
Esperante: Maria Theresia, per dia graco imperiestrino de la Romianoj, reĝino de Hungario kaj Bohemio.

La alia flanko montras dukapan aglon kun krono kaj la blazonojn interalie de Hungario, Bohemio kaj Aŭstrio. Ĉirkaŭe legeblas:
ARCHID. AVST. DUX. BURG. CO. TYR. 1780. X
Tio estas mallongigo por latine:
Archidux Austriae, Dux Burgundiae, Comes Tyrolis.
Germane: Erzherzogin von Österreich, Herzogin von Burgund, Gräfin von Tirol.
Esperante: Arkidukino de Aŭstrio, dukino de Burgonjo, grafino de Tirolo.

Ekstere sur la rando aperas reliefe elstarante la pregaĵo „IUSTITIA ET CLEMENTIA“, germane „Gerechtigkeit und Milde“, esperante „justeco kaj indulgeco“. Pro tiu pregaĵo oni ne povas nerimarkite fajli je la rando.

La litero „X” signifas, ke la monero estas pregita laŭ la konvencio kaj 10 moneroj konsistas el la sama kvanto da arĝento kiel unu „Kölner Mark” ≈ 233 gramoj da arĝento. La tuta maso de tiu Talero estas 28,1 gramoj, la fajneco 833/1000. Do la monero enhavas 23,3 gramojn da pura arĝento.
Diametro = 39,5 mm, dikeco = 2,5 mm.
En Aŭstrio validis: 1 Taler = 120 Kreuzer, en aliaj germanaj ŝtatoj:
1 Taler = 144 Kreuzer.
Sur kelkaj moneroj de la pregejo Günzburg aperas la litero G, poste H, ĉar la literon G ricevis la pregejo en Nagybánya [nódjbanja] (tiam en Hungario, nun nomita Baia Mare en Rumanio).
1805, dum la Napoleonaj Militoj oni malfondis la pregejon Günzburg, sed la konstruaĵoj ankoraŭ ekzistas. Ni vizitis Günzburgon en la jaro 2018 kaj povis eniri la ĉambrojn de la pregejo, kiuj servas nun por geedziĝaj ceremonioj.

La Maria Theresia-Talero estas ankoraŭ tre populara. Aktuale (2019) ĝi repregiĝas en Vieno, en la tradicia konstruaĵo de Münze Österreich (monerfarejo Aŭstrio). La repregaĵo portas la jaron 1780 kaj la inicialojn „S. F.“ de la tiamaj Münzmeister (monerfabrikaj majstroj) Tobias Schöbl kaj Joseph Faby. En marto 2019 ĝi kostis 21 €.

En Aŭstrio tiu Talero validis ĝis 1858, en kelkaj afrikaj landoj ankoraŭ en la 20a jarcento.

En tiuj urboj pregiĝis MTT kun la jarindiko „1780“ de 1780 ĝis 1858 en Aŭstrio:

| Nomo de la pregeja urbo en la 18a/19a jarcento (tiam en Aŭstrio respektive Aŭstrio-Hungario) | Esperanta nomo | Nomo de la urbo en la 21a jarcento kaj situo en kiu lando |
|---|---|---|
| Günzburg | | Günzburg, Bavario, Germanio |
| Karlsburg<br>Weissenburg<br>Gyulafehérvár | | Alba Iulia, Rumanio |
| Kremnitz<br>Körmöc(z)bánya | | Kremnica, Slovakio |
| Mailand | Milano | Milano, Italio |
| Prag | Prago | Praha, Ĉeĥio |
| Venedig | Venecio | Venezia, Italio |
| Wien | Vieno | Wien, Aŭstrio |

Literaturo:
Franz Reißenauer / Münzstätte Günzburg 1764 – 1805. Verlag Volksbank Günzburg eG 1982.
Günther Probszt / Österreichische Münz- und Geldgeschichte. Böhlau, tria eldono 1994. Du volumoj.
Dipl. Ing. Dr. Reinhold Rieder / Der Aufbau der habsburgischen Münzprägung im zu Ende gehenden Römisch-Deutschen Reich (Joseph II. – Franz II.): http://othes.univie.ac.at/31678/1/2014-01-23_6125198.pdf

Walter kaj Renate KLAG, Vieno




En Günzburg viziteblas la iama pregejo. Supre de la pordego legeblas: Antaŭ-Aŭstria monera pregejo de 1764 ĝis 1805




Die habsburgischen Vorlande oder Vorderösterreich
La habsburgaj Antaŭaj Landoj.
Fonto: Wikimedia; Klag

# Kelkaj moneroj pregitaj en Günzburg



La blazonoj de Aŭstrio kaj Günzburg
Die Wappen von Österreich und Günzburg




Maria Theresia, 1740-1780
1 Kreuzer, Münzstätte (monerfarejo) Günzburg. 1772 G.
Links die Wappen von Österreich und Burgau.
Maldekstre la blazonoj de Aŭstrio kaj Burgaŭ.
Diametro 23 mm,  maso 7,5 g,  materialo: kupro.







1 Kreuzer, Münzstätte Günzburg. 1773 G
Pregita por la urbo Ulm (25 km okcidente de Günzburg).
Diametro 23 mm,
maso 7,4 g,
materialo: kupro.







1 Kreuzer, Münzstätte Günzburg. 1773 G.
Pregita por Bistum (episkopa lando) Augsburg (50 km oriente de Günzburg).
Clemens Wenzel von Sachsen-Polen, 1768-1803.
Diametro 23 mm,
maso 7,7 g,
materialo: kupro.




Imperiestro Franz II., 1792-1806: 1 Kreüzer, Münzstätte Günzburg. 1794 H .
Maldekstre la blazonoj de Aŭstrio kaj Burgau
Diametro 23 mm,
maso 7,2 g,
materialo: kupro.




Franz II., 1792-1806: 6 Kreüzer, Münzstätte Günzburg. 1804 H.
Diametro 22 mm,
maso 2,0 g,
materialo: arĝento 375/1000.




Simila monero kun pli bone videblaj blazonoj.
1805 H.

Supre, maldekstre la blazono de Freiburg im Breisgau [frajburg en brajsgaŭ] kun korva kapo.

Supre, dekstre la blazono de Bregenz [bregenc].

Sube la blazono de Burgau [burgaŭ], 11 km oriente de Günzburg.




La blazono de Bregenz sur aŭstria poŝtmarko, eldonita 2018.
En la mezo verŝajne tri feloj.
25 x 25 mm.




Österreich (Aŭstrio): Maria Theresia, 1740-1780.
1 Taler, pregita en Günzburg, 1765 G.
Inicialoj S. C. de
Tobias Schöbl kaj Hubert Joseph von Clotz [kloc].
Diametro 41 mm,
maso 27,9 g,
materialo: arĝento 833/1000.
Katalognumeroj: Herinek 492, Davenport 1147, K.M. 15.

## Kontraŭmarkoj sur Taleroj






Lot 1299

Starting Price: 2000 EUR
Price realized: 2000 EUR

Taler 1780, mit Gegenstempel (kontraŭmarko) des Oman von Scheich Faisal ben Turki 1888 - 1912, in der Brust ein zweiter Stempel (die Zahl 25, vielleicht 25 Piaster). Möglicherweise handelt es sich um ein Fantasieprodukt.






Taler 1780 SF mit Gegenstempel von Französisch Somaliland um 1930, gültig für 5 Frank, Obock, Dschibuti. Günzburg. 27.80 g.

Obock estas urbo en la nordoriento de Ĝibutio

Mit freundlicher Genehmigung von Auktionen Frühwald

https://de.wikipedia.org/wiki/Gegenstempel

# Eldonkvantoj de MTT

| Loko | Jaroj | Nombro (milionoj) ĉirkaŭ |
|---|---|---|
| Aŭstrio diversaj pregejoj | 1764 - 1918 | 200? |
| Wien - Vieno | 1920 - 1937<br>1956 - 2019 | 50<br>50? |
| Birmingham | 1949 -1955 | 3 |
| Bombay | 1940 - 1941 | 19 |
| Brüssel | 1937 - 1957 | 11 |
| London | 1936 - 1961 | 20 |
| Rom | 1935 - 1939 | 20 |
| Kalkutta, Karlsburg, Mailand, Prag, Utrecht, Venedig kaj aliaj | - | ? |
| Sumo | | pli ol 400 |



# RENÉ DE SAUSSURE

## Der Erfinder des universellen Geldes

Am 17. März 1868 wurde René de Saussure in Genf geboren.
Nach dem Studium der Sprachwissenschaft und der Mathematik verfasste er sein wichtigstes Werk „Über die Wortbildung im Esperanto”.
1907 publizierte René de Saussure das Projekt einer universellen Währung, die er „Spesmilo“ nannte. Aus dem französischen Wort „espèce” leitete er „speso” ab. Mil bedeutet 1000. 1 Spesmilo (Sm) = 10 Spescentoj (Sc) =
= 100 Spesdekoj (Sd) = 1000 Spesoj.




Diese Währung wurde offiziell von einigen britischen und Schweizer Banken verwendet. Ein Spesmilo (Sm) hatte den Wert von 0,733 g reinem Gold und konnte wegen der Goldbindung leicht in andere Währungen umgerechnet werden:
1 Sm = 2 Britische Schillinge = 1 Russischer Rubel = 0,5 US-Dollars = 2,5 Schweizer oder Französische Franken = 2,5 Spanische Peseten.
Die Münzen zu 1 und 2 Sm waren und sind bis heute begehrte Sammelobjekte und verschwanden daher schnell aus der Zirkulation. Seit 1919 hat der Spesmilo numismatischen Wert.

1942 wurde in den Niederlanden die Universala Ligo gegründet. Diese Organisation trat für die internationale Verständigung und eine universelle Währung ein. Der Name dieser Währung ist Stelo (Esperanto: Stern; Mehrzahl Steloj). 1959 wurden Münzen zu 1, 5 und 10 Steloj geprägt, 1965 folgten drei Varianten einer 25-Steloj-Münze. Auch Papiergeld wurde herausgegeben. Die Steloj eigneten sich sehr gut vor allem für die Überweisung von kleineren Beträgen im internationalen Zahlungsverkehr. Auch diese Münzen und Geldscheine wurden eifrig gesammelt und sind heute sehr gesucht.




Zur 150. Wiederkehr des Geburtstages von René de Saussure am 17. März 2018 wurde eine silberne Medaille in Form einer Münze mit einer Nominale von 100 Steloj herausgegeben. Sie besteht aus 1 Unze Feinsilber 999/1000 (31,1 g), der Durchmesser beträgt 37 mm. Hersteller ist die Münze Österreich, eine Tochter der Österreichischen Nationalbank. Die künstlerische Feinarbeit stammt von Mag. Helmut Andexlinger, der Chefgraveur der Münze Österreich ist. Andexlinger leitet seit 2016 die Graveurabteilung der Münze Österreich. Er hat die Fachschule für Metalldesign in Steyr absolviert, danach studierte er Kommunikationswissenschaften an der Universität Wien. Zu seinen größten Erfolgen zählt das Design für die 2-Euro-Münze 2012, die in 17 Ländern in Umlauf ist; er gewann dafür einen Wettbewerb mit 800 Einreichungen.




Preis 49 € plus Versandkosten
Bestellungen: esperanto@chello.at

Abbildungen von Stelo-Münzen findet man bei Wikimedia Commons unter
https://commons.wikimedia.org/wiki/Category:Stelo



# Die Renaissance des Stelo
# Das Geld der Esperanto-Gemeinschaft
# Von Rogier Huurman

Während des Esperanto-Jugendkongresses FESTO 2012 in Métabief kam Alexandre Raymond mit einer verrückten, aber interessanten Idee zu mir: Esperanto-Geld herausgeben! Damals gab es bei FESTO viele Innovationen: Tassen und T-shirts mit Esperanto-Aufschrift und anderes. Während des Treffens diskutierte eine Gruppe, wie die Münzen aussehen sollten, was sie wert sein sollten und wie sie verwendet werden sollten.
Nach dem Sommer kontaktierte Alexandre eine Prägeanstalt für Plastikmünzen um festzustellen, ob dieses Projekt realistisch wäre. Schließlich war der Plan folgender:

• Es sollten Münzen zu 1, 3 und 10 Steloj herausgegeben werden.
Damit könnten verschiedene Zahlungen schnell durchgeführt werden.
• Die Münzen sollten verschiedene Farben haben und verschieden groß sein, um eine leichte und schnelle Nutzung zu ermöglichen. Die Farben sollten rot, gelb und grün sein, die Symbole Uhu, Papagei und Krokodil.
• Der Wert eines Stelo sollte so groß sein wie die kleinste übliche Zahlung in einer Bar oder im gufujo, also für eine Tasse Tee oder ein Cola.

Die fertigen Entwürfe wurden an die Prägeanstalt geschickt und je 3000 Münzen wurden im Oktober 2012 hergestellt.
Eine gute Gelegenheit ergab sich Ende Oktober bei einem kleinen Treffen, das ich mitorganisierte: Klaĉ-Kunveno Post-Somera KKPS in den Niederlanden. Es war perfekt geeignet, die neue Währung zu testen. Das Publikum schätzte die Münzen und gewöhnte sich an sie. Danach wurde die Italienische Esperanto-Jugend Mitinvestor des Projekts.
Der Wert des Stelo wurde zuerst so festgelegt: 4,2 Steloj = 1 Eŭro. Dann wurde der Wert inflationsgesichert an Euro, Real und Zloty gebunden, gewichtet 76%, 20% und 4%. Wie der Stelo von 1959, sollte auch der neue Stelo seinen Wert halten. Der Kurs schwankte im Zeitraum 2012 bis 2017 zwischen 4,040 und 4,581 Steloj für 1 Euro.

Die Steloj werden meist im gufujo verwendet. Sie waren bisher offizielles Zahlungsmittel bei KKPS 2012-2017, Internationales Jugend-Festival IJF 2013-2017, Jugend-Esperanto-Woche JES 2012 und 2017, Somera Esperanto-Studado SES und FESTO 2013 sowie Internationaler Jugend-Kongress IJK 2015. Außerdem werden sie von einigen Reisegruppen verwendet.

Die Vorteile des Stelo sind einfache Handhabung, geringes Gewicht und das Bewusstsein, eigenes Geld zu haben. Die erste Auflage von 2012 reicht auch für große Treffen. Bei steigender Nachfrage ist eine zweite Auflage möglich.
Die Steloj können bei Rogier Huurman rogier.huurman@gmail.com bestellt werden.

Aus dem Esperanto übertragen und aktualisiert von Walter Klag, Wien, 2019,
esperanto@chello.at



# Internationales Esperanto-Museum

Wien 1., Herrengasse 9
Haltestelle Herrengasse der U3
☏ 0043 1 534 10 730 💻 esperanto@onb.ac.at

Öffnungszeiten: Dienstag bis Sonntag 10 bis 18 h
Donnerstag 10 bis 21 h

**Esperantokurse und Führungen auf Anfrage.**



Im selben Haus befinden sich auch die
**Sammlung für Plansprachen**,
die
**Musikaliensammlung** und das **Globenmuseum**